# BELGA ESPERANTISTO

44a Jaro - N-ro 5a - Oktobro 1952

Ĉefredaktoro :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

DUMONATA REVUO, OFICIALA ORGANO
DE
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA
Asocio sen profita celo,
aliĝanta al UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO
Socia Sidejo : 106, rue Général Lotz, Bruselo




— Ĉu UNESKO pristudos la problemon de la lingvaj malfacilaĵoj inter la popoloj ?

— Tion decidos la ĝenerala konferenco baldaŭ okazonta.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

106, rue Général Lotz, Bruselo

— ASOCIO SEN PROFITA CELO —

Statutoj : *Moniteur Belge - Belgisch Staatsblad*, n-ro 115, 27 Junio 1936.

---

## HONORA KOMITATO

S-ro Frans VAN CAUWELAERT,
Prezidanto de la Deputitaro.

S-ro J. VAN HOUTTE,
Ĉefministro, Deputito.

S-ro Achille VAN ACKER,
Eksĉefministro, Deputito.

S-ro Robert CATTEAU,
Vic-Prezidanto de la Senato, Skabeno de Bruselo.

S-ro Lode CRAEYBECKX,
Urbestro de Antverpeno, eksministro, Deputito.

S-ro Georges MAZEREEL,
Senatano.

S-ro Georges MICHELET,
Honora Direktoro de la Komerca Ĉambro de Bruselo.

# BELGA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

44a Jaro | Octobro 1952 | N-ro 5a

## Nia Beneluksa Esperanto-Kongreso

Per tri linioj, sur la unua paĝo de la antaŭa numero de nia revuo, ni informis nian legantaron pri la fakto ke la proksimjara kongreso ne okazos, kiel antaŭvidite, en Lieĝo, sed en Antverpeno, en la kadro de granda Beneluksa Kongreso, al kiu estos invitataj ĉiuj esperantistoj de Nederlando, de Luksemburgo kaj de nia propra lando, el kiu ajn regiono ili venos kaj al kiu ajn asocio ili apartenas.

Intertempe, la administrantaroj de la diversaj Ligoj kunvenis aparte kaj per delegitoj, kaj ili jam prenis diversajn gravajn kaj unuanimajn decidojn, kiuj permesas, ekde nun, la plej belajn esperojn.

Post ĝenerala aprobo de la Ligestraroj, Loka Kongresa Komitato estis kunmetata en Antverpeno, sub prezido de la subskribinto. La konsiston de tiu ĉi L.K.K. la leganto trovos sur alia paĝo en tiu ĉi numero.

Per unuanima akordiĝo ankaŭ, estis decidate ke la tri asocioj, kiuj estas interesataj en tiu ĉi organizado, havos, dum la Kongreso siajn apartajn kongresajn laborojn : Por Belga Ligo do la tradiciajn laborkunsidon sabate kaj solenan kunsidon dimanĉe. Tiuj ĉi kunsidoj estos estrataj de la Liga Prezidanto, helpata de la administrantoj kaj funkciuloj de Belga Ligo.

Dume, la aliaj Ligoj kunvenos aparte por diskuti kaj aranĝi proprajn aferojn.

Aliflanke, estos diversaj komunaj aranĝoj. Ni pensas pri malferma kaj ferma kunsidoj, pri akcepto en la Urbdomo kaj pri komuna Festeno.

La tri Ligaj Prezidantoj rezignis prezidi, laŭvice, tiujn diversajn aranĝojn, kiel unuavide simpla sugesto povus antaŭvidi.

Kaj ĉiuj tri akceptis ke S-ro Theo Van Gindertaelen, nun vicprokuroro de la Reĝo en Mehleno, sed kiu, — dum jaroj kiam li estis advokato en Antverpeno — estis la vicprezidanto de la tiea E.K.I. kaj kiu plenumis diversajn funkciojn en Flandra Ligo, prenu sur sin la gvidadon de tiuj komunaj aranĝoj.

Siaflanke, la nederlanda Asocio L.E.E.N. akceptis reprezentiĝi sin en la Loka Kongresa Komitato, kiu ĝeneraie estas kunmetata el kunlaborantoj, kiuj loĝas en la regiono kie okazos la Kongreso, de S-ro Mabesoone, por helpi al solvado de problemoj, kiuj pli speciale interesas niajn nordajn amikojn.

Ĉio estis do farata kaj jam kunigata por certigi la sukceson de tiu ĉi Kongreso, al kiu jam aliĝis cento da membroj, je la momento kiam ni skribas tiujn ĉi liniojn.

Tiu unua cento estas ĝis nun trovata en la rangoj de la nialanda esperantistaro. Sed trans la Moerdijk nun ankaŭ komenciĝas la aliga laboro kaj ni fidas, ke la unua baldaŭ envenonta informo, kiu atingos nin el la Nordo, indikos al ni ke la montrilo staras en la bona direkto kaj klare montros ke la Kongreso 1953a estos vere Beneluksa Kongreso, kiu kunigos multnombrajn la samideanojn el la plej diversaj regionoj de la Malaltaj Landoj ĉe la Maro.

Maur. JAUMOTTE.

# La L.K.K. por 1953a Alvokas

**Oficiala Komunikaĵo n-ro 1.**

Post intertraktado inter la Nederlanda Esperanto-Asocio « La Estonto estas nia » (L.E.E.N.), Flandra Ligo Esperantista (Fl. L.E.) kaj Reĝa Belga Ligo Esperantista (R.B.L.E.) decidiĝis, ke, dum la pentekostaj tagoj 1953 (23an, 24an kaj 25an de majo 1953a) okazos granda beneluksa Esperanto-kongreso en Antverpeno.

Interkonsente inter la tri Ligoj, la Loka Kongresa Komitato (L.K.K.) jam estis kunmetata jenmaniere :

S-ro M. Jaumotte : prezidanto.
S-ro P. Mabesoone : vic-prezidanto.
S-ro T. Van Gindertaelen : prezidonto de la Kongreso.
S-ro H. Sielens : sekretario.
S-ro A. Pittoors : kasisto.
S-ro F. Volders : festkomisaro.
S-ro J. Verstraeten : propagando-fako.

Tiu organiza komitato, same kiel la estraroj de la tri Ligoj, tuj ekkomencis la laboron, kunmetis provizoran programskemon kaj firme decidis ĉion fari por ke tiu kongreso iĝu inda je nia ĉies espero kaj klopodo. Ĝi unualoke devas iĝi impona elmontro de nia forto kaj pruvo de la efiko de sana kaj sincera kunlaboro.

La kongresontoj senprokraste aliĝu al la kongreso, PERE DE SIA RESPEKTIVA LIGO. Tuja enskribo kaj pago de la kongreskotizo certigas al la kongreskomitato seriozan bazon por ellabori allogan programon kaj pruvas la fidon, kiun la anoj havas en niaj klopodoj.

La kongreskotizo estas :

por nederlandanoj : guld. 3,50 antaŭ la 1-a de majo 1953a
guld. 4,— post la 1-a de majo 1953a
por belgoj : bfr. 50 antaŭ la 1-a de majo 1953a
bfr. 60 post la 1-a de majo 1953a

Geamikoj, ni zorgos pri bona kongreso; vi zorgu pri tuja kaj multnombra aliĝo.

Por la L.K.K. :

H. SIELENS,
Sekretario.

M. JAUMOTTE,
Prezidanto.

---

## NIA HONORA KOLONO 1953

Estas tradicio ke jam dum la Kongreso ni enskribas la aliĝantojn al la Kongreso de la sekvonta jaro.

Ankaŭ en Bruĝo tio okazis kaj ni publikigas ĉi sube tiun honoran kolonon de Belga Ligo, kiu estas jam la plej bela garantianto de la sukceso de nia Kongreso 1953 en Antverpeno :

1. S-ro Charles Aalders (Grobbendonk Antw.) : 2. S-ino Léa Bernaerts-Toussaint (Antverpeno) : 3. S-ro Arthur Bouquet (Brugge) : 4. S-ro Léon Braet ; 5. S-ino Braet-Vermeire (Nieuwpoort) : 6. S-ro Hector Castel ; 7. S-ino Lucy Castel (Ganshoren); 8. S-ro Joseph Decoster; 9. S-ino Cecile Decoster (St-Andries) : 10. S-ro August De Graef (Antverpeno) : 11. S-ino Jeanne De Hondt (Antverpeno) : 12. S-ro

# La 37a Universala Kongreso

## Brila sukceso

Oslo, la 2an de Aŭgusto 1952a, ĝoja atmosfero, flagoj, eksterurbanoj, eksterlandanoj, ĉiuj sin miksis ĝoje pro la festoj okazontaj je la okdekjara naskiĝdato de la reĝo.

Sabate, je nia alveno, la akceptejo jam funkciis. Kiel kutime, oni devis unue viziti la kasiston kaj post ordigo de propraj kalkuloj kaj kun kontrolita membrokarto oni recevas la kongrespaperojn kaj antaŭmenditajn biletojn; aparte oni ricevis la neanstataŭeblan balkarton.

La interkona vespero okazis en la « domo de inĝenieroj » kie, la kongresanoj disponis pri salonoj sur du vastaj etaĝoj. Retrovo de malnovaj amikoj (kelkfoje forgesitaj), kisoj, manpremoj, ĉio kontribuis fari de tia vespero, veran sukceson.

Dimanĉe je la naŭa matene, okazis la katolika diservo. En la preĝejo St Olaf, lia ĉefepiskopa Moŝto en plej pura franca lingvo, deziris al ni bonvenon en Oslo kaj sukceson al la 37a kongreso de Esperanto. Pastro Ludwig

---

Robert De Kegel (Charleroi) ; 13. S-ro David Demeulenaere (Brugge) ; 14. F-ino Paula Demilde (Brugge) ; 15. S-ro Jean Desonay (Spa); 17. S-ino Angèle Gruslet (Gent); 18. S-ro Georges Groothaert ; 19. S-ino Jeanne Groothaert (Brugge) ; 20. F-ino Hélène Hofkens ; 21. F-ino Mathilde Hofkens (Antverpeno) ; 22. F-ino Maria Jacobs (Borgerhout) : 23. S-ro Maurice Jaumotte ; 24. S-ino Marguerite Jaumotte: 25. S-ro Roger Jaumotte (Wilrijk) ; 26. S-ino Diny Kempeneers ; 27. D-ro Paul Kempeneers (Uccle) ; 28. F-ino Mathilde Kestens (Bruselo); 29. S-ino Renée Lecat (Antverpeno) ; 30. F-ino Jeanne Loquet (Wilrijk) ; 31. S-ino Livine Merckx-Herinckx (Borgerhout) : 32. F-ino Félicie Meulemans (Wilrijk) ; 33. F-ino Elsa Nachtergaele ; 34. F-ino Juliette Nachtergaele (Gent): 35. F-ino Simone Obozinski (Uccle) ; 36. S-ino Julia Plyson (St-Gilles) : 37. S-ro Charles Poupeye ; 38. S-ino Gabrielle Poupeye ; 39. S-ro Karlo Poupeye; 40. F-ino Yvonne Poupeye ; 41. S-ro Marcel Poupeye (Brugge) ; 42. S-ino Henriette Schoofs (Antverpeno) ; 43. S-ro Joseph Soyeur (Serning) ; 44. S-ino Félicie Staes-Vandervoorde ; 45. S-ino Elly Staes (Koekelberg) ; 46. F-ino Henriette Toussaint (Antverpeno) ; 47. S-ro Georges Van den Bossche (Antverpeno) ; 48. S-ro Clotaire Vandevelde ; 49. S-ino Marguerite Vandevelde ; 50. S-ro Paul Vandevelde (Merelbeke) ; 51. S-ro Jean Claude Vandervoorde (Bruselo); 52. F-ino Elsa Van der Weken (Antverpeno) ; 53. F-ino Isabelle Van Parys ; 54. F-ino Yolande Van Parys (St-Andries) ; 55. S-ino Brigitte Van Wanseele (Gento) ; 56. S-ro Léon Van Wassenhove ; 57. S-ino Maria Van Wassenhove (Bruĝo) ; 58. S-ro Jacques Vermeersch (Bruĝo); 59. S-ro Jules Verstraeten (Hoboken) ; 60. S-ro Florent Verplancke ; 61. S-ino Léontine Verplancke (Bruĝo): 62. S-ro José Weyn; 63. S-ino Marguerite Weyn (Bruselo); 64. F-ino Clara Peeters (Antverpeno) ; 65. S-ro Henri Sielens (Antverpeno) ; 66. F-ino Hortense Brack (Wilrijk) ; 67. S-ro W. Dollez (Antverpeno).

### Lasta listo de la Kongresanoj de nia 36a

En la antaŭa numero de « Belga Esperantisto » mankis loko por la cito de la nomoj de la lastaj aliĝintoj al nia 36a Kongreso :

S-ro Braet, Karel (St-Kruis-Brugge) : S-ro Braet, Leon, S-ino Braet-Vermeire (Nieuwpoort): S-ro Elliott, Charles (Croydon, Angl.); S-ino M. Elworthy-Posenaer (Mariaburg) ; S-ro Giloteaux, Luc. (Croix, Franc.) ; S-ro Maes, Henr. (Wattenscheid, Germ.) ; S-ro Ortmann, Walter (Wattenscheid, Germ.) ; F-ino Thooris, Yvonne (Moerkerke) ; S-ro Vrielynck, Hugo kaj S-ino Vrielynck-Hubrecht, Y. (Brugge).

Thalmaier el Munchen, diris la meson kaj predikis laŭ la taga epistolo kaj komparis la universalecon de la katolika eklezio kaj tiun de Esperanto.

Poste, ni reiris al la kongresejo kie post kelka tempo (tio mirigis nin) oni anoncis ke laŭ norvega leĝo oni devas haltigi ĉiun trafikon en la kongresejo ĉar en neniu loko oni rajtas nek akcepti monon nek komerci, dum la daŭro de religiaj ceremonioj.

Je la 11 h. 30, okazis en la stadio la oficiala fotografado de la esperantistoj.

Je la 14a, solena inaŭguro de 37a kongreso en kinejo Colosseum; tiu ceremonio disvolviĝis jene :

1° Polonezo de Chopin por fortepiano ludata de Franck Merrick.
2° Esperantlingve, bonveniga saluto de la urbestro de Oslo.
3° Inaŭgura parolado de la Prezidanto de U.E.A. Ernfrid Malmgren.
4° Salutparolado de la prezidanto de L.K.K.
5° Salutparolado de la reprezentanto de la norvega registaro.
6° Norvega nacia himno.
7° Salutparoladoj de la reprezentantoj de registaroj; por Belgujo nome de la ministro por publika instruado, salutis F-ino Obozinski.
8° Salutparoladoj de la reprezentantoj de la landaj asocioj; por R.B.L.E. salutis S-ino Plyson.
9° Festparolado de profesoro Ivo Lapenna, kiu akcentis la pacan manieron laŭ kiu la nordaj ŝtatoj, Norvegujo kaj Svedujo, disiĝis dum jaro 1905; tia agado kaj la rezultato devus esti ekzemplo por ĉiuj internaciaj rilatoj.
10° Kantado de la Espero.

Samtempe okazis en la urbo Oslo famaj naciaj festoj okaze de la okdekjara datreveno de Lia Reĝa Moŝto Haakon VII; por ke ni ankaŭ partoprenu en tiu koncerto de lojalismo, la prezidanto de U.E.A. proponis la sendadon de gratultelegramo al la reĝo. Tre viglaj aplaŭdoj salutis tiun sugeston.

La ministro de Indonezio en Norvegujo salutis la kongreson en sia lingvo, tuj tradukis en Esperanton S-ino Ranskajo.

Je la 19 h. 45, Malfermo de la Internacia Somera Universitato.

**Lunde.** Unua ĝenerala kunveno : legado de la raportoj de la estraro de U.E.A., de diversaj telegramoj interalie de la vic-prezidanto D-ro Kempeneers kaj de la urbestro de Wörgl; de S-ro Edouard Herriot.

Je la 14a, unua kunveno de la kvar sekcioj.

Unua sekcio : Esperanto kaj edukado. B. L. komisiis F-inon Obozinski.

Dua sekcio : Esp. en scienco kaj tekniko. B. L. komisiis S-ron Van Eynde.

Tria sekcio : Esp. en la internaciaj intelektaj interŝanĝoj. B. L. komisiis S-inon Lefebvre.

Kvara sekcio : Esp. en la internacia trafiko kaj komerco. B. L. komisiis S-inon Plyson.

Vespere, je la 20a, okazis distra vespero, kun multenhava programo : malnovaj norvegaj dancoj; infanoj prezentis mirindajn gimnastikaĵojn ; ventroparolisto; Hardanger violinisto, la violono havas ok kordojn; fantaziulo kiu imitis kantantajn virinojn; ŝaradoj kiuj devis helpi trovi titolon de diversaj libroj; blindulo kiu per la manoj ĉe la buŝo, imitis mirinde diversajn muzikinstrumentojn, kaj poste atingis saman rezultaton per biciklopompilo.

Marde. Je la 9a matene, kunveno de la kvar sekcioj.

Postagmeze kunvenoj de diversaj fakaj asocioj.

Vespere je la 20a, Arta vespero; la urba orkestro de Oslo, solistoj, deklamanto Fr. Merrick, soprano, fortepiano,

# ĈU VI SCIAS?

Jen nova rubriko. Ne superflua rubriko, ni kredas.

Grava procento de niaj legantoj estas postmilitaj esperantistoj, kiuj ne jam havis la okazon partopreni dum multaj jaroj la vivon de nia movado. Ili preskaŭ nenion scias pri la historio de nia lingvo kaj de nia movado, ĉu internacia, ĉu nacia.

Al ili, kiel al la malnovuloj, ni volas antaŭmeti, en ĉiu numero de nia organo, mallongan liston de demandoj, al kiuj tiuj novuloj verŝajne ne povos respondi kaj por kiuj eĉ ne ĉiuj malnovuloj trovos solvon.

Nia celo estas, ke tiuj demandoj iĝu okazo por la grupgvidantoj doni kelkajn klarigojn pri tio, kion faris unue la pioniroj de ia movado, kaj, post ili, la same grava generacio de l'inter-du-militoj; por atentigi ankaŭ la novulojn pri multaj legindaj verkoj, en kiuj ili povos mem trovi vivoplenajn detalojn, kiujn ili certe kun vera intereso legos.

Kaj se izoluloj, kiuj vivas for de kiuj ajn esperanta agado kaj kiuj ne povas ĉeesti grupkunvenojn, interesiĝas pri tiuj demandoj kaj al ili ne trovas respondon, ili rajtas, plene rajtas, sin turni al la direkcio de nia revuo.

Iu havigos al ili la respondojn.

Jen do la demandoj :

1. Ĉu Esperanto estas la unua internacia helplingvo, kiu havis publikan vivon kaj adeptojn en diversaj landoj ?
2. Kiam aperis la unua broŝuro pri Esperanto ?
3. De kie devenas la nomo de nia lingvo ?
4. Kiam kaj kie okazis la unua universala Kongreso ?
5. Kiam kaj kie okazis universala(j) Kongreso(j) en Belgujo ?
6. Kiam kaj kie okazis la unua Belga Kongreso ?
7. Ĉu kaj kiam okazis Belga(j) Kongreso(j) en via urbo ?
8. Kiam estis starigata nia Belga Ligo Esperantista ?
9. Kiam estis starigata via loka grupo ?
10. Kiu estis la fondinto de via loka grupo ?

---

la tuta vespero estis dediĉata al norvega muziko. Longaj, varmaj aplaŭdoj dankis ĉiun artiston kaj la Espero alportis la finan punkton al tiu bela vespero.

**Merkrede**. Okazis la tuttaga ekskurso : Ni elektis la aŭtobusan vojaĝon al Sundvollen, kun supreniro per kabloseĝo al rava elrigardejo. Ni ĝuis belan veteron kaj tute agrablan tagon.

**Jaŭde**. Kunvenoj de fakaj asocioj.

**Vendrede**. Dua ĝeneala kunveno : raportoj de la kvar sekcioj

por la unua sekcio raportis s-ro Kennedy,

por la dua sekcio raportis D-ro Ivo Lapenna,

por la tria sekcio raportis S-ro Rosbach,

por la kvara sekcio raportis S-ro Petit.

La prezidanto de kongreso de blinduloj raportis pri la laboro kaj decidoj de la kongreso.

El dek landoj partoprenis 80 blinduloj kaj 20 gvidantoj.

© Kiel lasta rimarkinda progreso, li donis detalojn rilate al blindulo senbraka kiu sukcesis legi pere de la malsupra lipo.

Je la IIa, kunveno de la informaj fakoj de C.E.D.; oni decidis : ke la speciala n-ro de Esperanto rilate al la aŭtuna kampanjo aperu dum Aprilo.

Akcepti diskuton rilate al la elekto de agitdevizo.

Pliampleksi la gazetaran servon.

Sendado de dokumentoj al universalaj federalistoj sciencaj, tute simple kiel informado sen iu propaganda formo.

Vespere, la urbestro akceptis nin en la urbodomo kie devis okazi nia granda balo. La tabloj estis abunde ornamitaj de sandviĉoj diversaj el kiuj certe, ĉiuj povis elekti je plena kontentiĝo de la stomako.

La urbestro ree esperantlingve deziris al ni bonvenon kaj brilan balon. La prezidanto de U.E.A. esprimis al la urbestro la dankemon de ni ĉiuj. Poste la partoprenantoj dispartiĝis en la grandaj salonoj de la ter- kaj unua etaĝo, kie, laŭplaĉe oni dancis ĉu malnovajn ĉu modernajn dancojn.

La prezidanto petis momenton de silento kaj legis danktelegramon de Lia Reĝa Moŝto responde al nia gratultelegramo. Estis momento de emocio kaj poste de bruaj aplaŭdoj.

**Sabate.** Malgraŭ ke tre malfrue finis la balo, la salono kie okazos la ferma kunsido estas plenplena. La prezidanto gratulis ĉiujn por tiu akurateco kaj poste iris al la programo.

Li dankis ĉiujn siajn kunlaborantojn dum la kongreso, la L.K.K. anoj ricevis apartajn gratulojn kaj dankojn. Poste venis la disdono de la premioj por la belarta kaj oratora konkursoj.

130 partoprenis la belartan konkurson kaj 3 la oratoran konkurson. S-ro Minnaja el Romo gajnis la unuan premion, S-ro Adamson el Svedujo, gajnis la duan premion.

Brazilio gajnis la premion de Internacia konkurso. S-ro Malmgren donis la premion al la reprezentanto de la brazila asocio, kiu dankis kaj laŭdis la agadon de la prezidanto en Brazilio.

Post komuna kantado de la Espero, sub la impona gvidado de S-ro Dahl, la prezidanto donis la lastan martelfrapon kaj la emociplenan :

ĜIS REVIDO !!!

J. PLYSON.

* * *

Mi ĉeestis kunvenojn de la *Unua sekcio* (Instrua fako). Oni speciale aludis la agadon de la diversaj grupoj (sub la titolo : eduka valoro de la kunvenoj de la Esperantistaj grupoj); oni proponas interŝanĝon de programoj; serĉas rimedojn por aliĝigi la lernantojn al la grupoj kaj por progresigi la eternajn komencantojn. La agado de la gepatroj efikas ĉe la esperantistaj familioj. Oni ankaŭ konsideris la socian nivelon de la grupoj.

Dum la kunvenoj de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, la delegitoj prezentis raportojn kaj oni pritraktis la interesan temon « Puno en la lernejoj ». Parolis, interalie kaj interese geprofesoroj brita, aŭstria, aŭstralia, sveda, itala, franca.

La konkludo estas ke oni devas eviti la neceson puni, sed oni ne kapablas starigi ĝeneralan regulon; ĉio dependas de la personeco de la instruisto.

Tute improvize, oni aranĝis infankunvenon. Ĉeestis dekdu geknaboj de 6 ĝis 16 jara (danaj, francaj, italaj, svedaj). Oni paroligis kaj kantigis ilin kaj gvidis ludojn. Kelkaj rimarkinde bone komprenis kaj parolis; sed tia aranĝo devus esti antaŭvidata de longe por la venontaj kongresoj.

Ni ne sukcesis ĉeesti multajn kursojn de la Somera Universitato. Ni aŭskultis kun granda intereso la prelegon de D-ro Lapenna pri « Nova kategorio de internacia krimo (genocido) ».

S. OBOZINSKI.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO

## Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »

*(Poŝtĉeknumero : 726.54)*

Dum la monato julio kaj malgraŭ la libertempa periodo la graveco de la kunvenoj ne malpliiĝis : la 4an okazis la ĉiumonata parolata ĵurnalo al kiu la pli granda parto de la ĉeestantoj partoprenis :

La 11an, estis okazo por diskuti pri la temo « Ŝminkado de la virinoj », enkondukita de F-ino L. De Winter, kiu skizis la historion de la ŝminkado tra la jarcentoj. Multaj membroj, precipe sinjoroj, detale konigis siajn opiniojn.

La 18an, praktika ekskurso tra la urbo sub la gvidado de F-ino H. De Ketelaere kaj S-ro A. Debacker. Tiu eksperimento, same kiel tiu de la pasinta jaro, bone sukcesis : Laŭvice la du gvidantoj klarigis survoje la diversajn sciindaĵojn. S-ro Debacker kiu bone konas la malnovan antverpenan kvartalon ĉirkaŭ la preĝejo de Sankta Karolo Boromeo, vizitigis la kelojn kaj la trezorejon de tiu ĉi fama preĝejo. Je la fino S-ro M. De Ketelaere afable dankis la du gvidantojn.

La 25an pluraj membroj jam raportis pri siaj libertempoj : F-ino E. Van der Weken pri Hispanujo, S-ro J. Vinck pri Norvegujo kaj S-ro Verstraeten pri Londono, dum tuta horo rakontis pri siaj aventuroj eksterlandaj.

La 1an de aŭgusto denove la grupanoj kunlaboris por sukcesigi la parolatan ĵurnalon. S-ro Moir el Anglujo postlasis agrablan impreson pro sia afabla kunlaboro al la programo. Ges-roj Coventry-Van der Veken, ankaŭ el Anglujo, samtempe ĉeestis tiun kunvenon al kiu S-ro Coventry donis apartan ĉarmon per paroladeto.

La 8an, denove serio da raportoj pri la libertempo plenigis la programon : F-ino E. Van der Weken, S-ino R. Lecat, S-ro R. Balleux kaj S-ro J. Verstraeten, siavice rakontis pri la okazintaĵojn kiujn ili spertis dum la de ĉiuj ŝatata periodo libertempa.

La 22an, la vespero staris en la signo de la Internacia Kongreso : S-ino J. De Houdt, kaj S-ino H. Schoofs detale raportis pri la ĉefokazintaĵoj en Esperantujo. Tre speciale S-ro R. Van Eynde rakontis pri sia vojaĝo al Oslo. Li tion faris tiel sprite kaj amplekse, ke li estis devigata daŭrigi sian raporton dum la sekvonta kunveno, la 29an. Tiam ankaŭ raportis S-ino L. Bernaerts laŭ sia propra, amuza maniero pri la postkongreso. La kvar geraportantoj estis aplaŭdataj de la ĉeestantaro.

La unua vendredo de la monato, la 5an, de septembro, okazis kiel kutime la parolata ĵurnalo. Ĉar la libertempo estas for, la membroj denove regule partoprenas al la kunsidoj kaj la amplekseco de la kunlaboroj denove montris la membran intereson.

La 12an, nia Prezidanto S-ro M. Jaumotte skizis dum interesa parolado sian vojaĝon al Italujo kaj tre speciale rakontis pri Romo. Li parolis pri ĝi laŭ moderna, antikva kaj religia vidpunkto kaj bone sukcesis pentri antaŭ niaj okuloj veran bildon de la nuna ĉefurbo de la kristana mondo. Varma aplaŭdo kun dankvortoj de S-ro M. De Ketelaere sekvis.

Dimanĉe la 14an pli ol 30 membroj, sub gvidado de S-ro G. Vermandere, ekskursis aŭtobuse al Gento, por tuttaga vizito al la urbo. Bela vetero kaj gajaj klarigoj de S-ro Vermandere bonhumorigis la partoprenantojn, kiuj kontentaj reveturis hejmen.

La postan tagon, lunde la 15an elementa kurso sub gvidado de S-ro M. Jaumotte kaj perfektiga kurso, komenciĝis kun S-ro M. De Ketelaere kiel profesoro, 36 en la unua kaj 20 lernantoj en la 2a kurso enskribiĝis. Tiu brila sukceso esperigas al ni la plej bonan rezulton por nia grupo.

La 19an, lasta serio da libertempaj raportoj donis al F-ino Van der Weken, F-inoj H. kaj P. De Ketelaere, F-ino H. Holkens, S-ino R. Lecat kaj S-ro G. Vermandere la okazon kunvivigi siajn impresojn dum diversaj vojaĝoj. S-ro H. Denayer enkondukis jam la paroladon, kiun li intencas doni (en

kunlaboro kun S-ino Debacker) la 10an de oktobro pri Jugoslavujo.

La 26an, E.K.I. vespero estis organizata : La indonezia S-ino Datoe Toemenggoeng (korespondantino de S-ro Verhoeven) rekaris sian paroladon kiun ŝi elparolis dum la Internacia Kongreso en Oslo. La temo estis : la vivina vivo en Indonezio. Pli ol cent gesamideanoj ĉeestis tiun vesperon. La koraj vortoj de la E.K.I. prezidanto S-ro M. Jaumotte kaj la belaj floroj donacitaj al la eksterlanda samideanino certe instigis S-rojn J. Jacobs, kaj Foquet kaj S-inon H. Schoofs elparoli plenfidajn vortojn rilate al la estonta kunlaboro inter la diversaj grupoj. Nome de la sinjorinoj S-ino H. Schoofs donacis al S-ino Toemenggoeng belan libron pri Antverpeno.

*Programo de la venontaj Kunsidoj.*

Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw » Frankrijklei, 4 je la 20a 30.

*Oktobro* : la 3an : parolata ĵurnalo; la 4an (sabate) aŭtuna balo; la 10an : Ges-roj Denayer kaj S-ino Debacker parolas pri « Jugoslavujo » kun filmoj; la 17an : amuza vespero; la 24an : parolado de H. Hofkens; la 31an : filmvespero de S-ro R. Van Eynde.

*Novembro* : la 7an : parolata ĵurnalo dum mitulvespermanĝo; la 14an : diskutvespero enkondukota de S-ro G. Van den Bossche pri « Ĉu la mondo progresas ? »; la 21an : parolado de S-ro H. Sielens; la 28an : kabareda vespero sub gvidado de *La Klopodantoj.*

*Decembro* : la 5an : parolata ĵurnalo-Sankta Nikolaa festo; la 12an : Zamenhofa vespero; la 19an : amuza vespero; la 26an : kristnaska atmosfero; la 27an : kristnaska balo.

## BRUĜO

## Bruĝa Grupo Esperantista.

*(Poŝtĉeknumero : 48.35.35)*

La ĉiumardaj kunvenoj regule okazis, tamen iom malpli ĉeestataj ol dum la vintra sezono.

Dum tiu de la 22a de julio, la grupo ricevis surprizan viziton de siaj Antverpenaj geamikoj : S-ino Bernaerts, F-ino Toussaint kaj S-ro Vermandere en kies ĉeesto portretludado gaje estis daŭrigata.

Dimanĉon, 27an de julio, kelkaj grupanoj ekskursis al Roksem, kie ili estis afable akceptataj en la kampobieno de Ges-roj Vrielynck. Tie ankaŭ S-ro Karlo Poupeye (filo) starigis por du tagoj provizoran radioelsendilon, kiu vekis ĝeneralan intereson.

Vizito de S-ro George Moir el Sunderland (Anglujo) agrabligis la kunvenon de la 29a de julio.

Dum la kunsido de la 5a de aŭgusto, la prezidanto S-ro Ch. Poupeye antaŭlegis pri « Niaj familiaj nomoj ». Interesplena diskutado pri sama temo sekvis.

La 26an de aŭgusto pluraj gemembroj kaj kelkaj invititoj iris vespere por la boato al Damme por tie admiri la lumigadojn. Ili same revenis post tre agrabla ekskurso dum kiu la propagando ankaŭ ne estis forgesata.

S-ro Carlos Braet, komitatano, la 2an de septembro, je ĉies bedaŭro, adiaŭis la grupon, denove forironte al Kongolando, kie li laboras nun kiel instruisto en la Ateneo de Leopoldville. La saman vesperon, S-ro Bouquet interese paroladis pri la Japana lingvo kaj S-ro Ch. Poupeye raportis pri la ekskurso al Damme.

La nova kurso por komencantoj komenciĝis la 16an de septembro kun tre kontentiga nombro de enskribintoj, ĉiuj gejunuloj. Post la unua leciono donata de S-ro Ch. Poupeye, sekvis agrabla interkonatiĝo inter la novaj kaj la malnovaj gemembroj.

La 23an de septembro okazis la dua leciono, post kiu la gelernantoj partoprenis kun la aliaj gemembroj en amuza portretludado.

*Programo de la venontaj kunsidoj :*

*Sabaton 25an de Oktobro : Granda Balo,* je la 21a en la dancejo « Tabarin » eniro : Grauwwerkersstraat (apud la Teatro). Enirkartoj por 30 fr. ĉe la membroj aŭ per pago al la P.Ĉ.K. de la grupo : N° 4835.35. La baloj de la Bruĝa Grupo estas ĉiam « eventoj » en la Bruĝa vintra sezono. Rezervigu viajn kartojn sufiĉe frue.

Ordinara kunveno : Ĉiumarde, je la 20a en la sidejo : « Gouden Hoorn - Cornet d'Or », Simon Stevinplaats.

La unua horo de ĉiu kunveno estos dediĉata

al la kurso. La dua horo al agrabla kunesto laŭ jena programo :

*Novembro* : 4an : Ĉu vi konas la stratojn de Bruĝo ? 11an : (Nacia festotago) Kunveno ne okazos, sed la postan lagon : 12an : (merkrede escepte) Kion kunportas viro en siaj poŝoj kaj virino en sia mansaketo ? — 18an : « Braderio » — 25an : Parolata gazeto.

*Decembro* : 2an : Surpriza vespero : ĉiu membro alportu nekonatan premion. — 9an : Prezentado de la biblioteko. — 16an : Zamenhofa festo. — 23an : Debato : Ĉu estas dezirinde ke edzino laboru eksterhejme ? — Sabaton 27an : Finjara vespermanĝo (detaloj fiksotaj pli poste) — 30an : Parolata gazeto.

BRUSELO

## Esperantista Brusela Grupo.

*(Poŝtĉeknumero : 12.30.48)*

La antaŭfiksitaj programoj okazis laŭdezire. La kunvenoj estas regule kaj multnombre vizitataj.

La 30an de junio F-ino Obozinski parolis pri sia vojaĝo al Portugalujo.

La 7-an de julio, la 4-an de aŭgusto kaj la 1-an de septembro okazis nia parolata jurnalo. Tiuj kunvenoj estas speciale bone vizitataj, kaj okazas vera vetkurado por akiri la unuan premion. Laŭ la statistiko akiris S-ino F. STAES (169) kaj S-ro Vander Stempel (165) la plej altajn poentnombrojn. Ili estos premiataj dum festa kunveno.

La 14an de julio F-ino KESTENS parolis pri malnovaj bruselaj kvartaloj. Post la parolado okazis promenado tra malnova Bruselo. La 28-an de julio S-ino ERNST legis parton de la streĉa novelo « La Alaska Stafeto ». La 11-an de aŭgusto S-ino Elly STAES konigis al ni ion el la litova literaturo. La 18-an de aŭgusto S-ro VAN DER STEMPEL parolis pri la suferoj de scienculo. La 25-an de aŭgusto S-ino PLYSON kaj F-ino OBOZINSKI donis detalan raporton koncerne la kongreson en Oslo. La 8-an de septembro S-ro JACOBS parolis pri la nova universala kalendaro kaj S-ro KEMPENEERS donis klarigon koncerne la akvokulturon. La 15an de septembro S-ro EVERAETS parolis pri la estonto de nia pensio. La 22an de septembro S-ino STERN legis al ni la rakonton « La Mulo de la Papo » de Alphonse Daudet kaj la 29-an de septembro S-ro VERDIER legis tradukon de versoj de la franca verkisto Jacques Prévert.

Dum la lastaj monataj vizitis nian grupon diversaj eksterlandanoj, i.a. S-ro LIWERS kaj lia filino el Svisujo, F-ino WELLER el Nederlando, Ges-oj THOMAS el Anglujo, finlanda samideanino kaj S-ino TOEMENGGOENG el Indonezio. Speciale menciindaj estas la vizitoj al la botanika sekcio de la eksperimenta ĝardeno de la brusela libera Universitato sub la gvidado de D-ro DE KEYZER kaj al la botanika instituto de la libera Universitato sub gvidado de Prof. HOMES. Multaj gesamideanoj profitis de tiuj ekskursoj kaj ankaŭ multaj ĉeestis la vere ege interesan prelegon de S-ino Ch. S. Dt. TOEMENGGOENG, UEA delegitino en Djakarta (Indonezio), kiu parolis pri la socia pozicio de la virino en Indonezio; Ŝi speciale priskribis la geedzan sistemon en la Menangkabaŭaj landoj (malgranda parto de la insulo Sumatra en Indonezio).

Fine arranĝis nia grupo 2 novajn kursojn, 1) elementan kurson laŭ rekta metodo, gvidatan de S-ino M. WEYN, kaj 2) perfektigan kurson, gvidatan de S-ino F. ERNST.

*Programoj de la estontaj kunsidoj.*

Ĉiulunde, je 20.30 h. Ejo : Brasserie St Martin, Place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein.

*Oktobro.* — La 6an, parolata jurnalo; la 13an, S-ro H. Castel : « Pri falsa mono »; la 20an, S-ro Van der Stempel, perfektiga kurso; la 27an, S-ro. J. Oleffe : « Bruselo antaŭ cent jaroj ».

*Novembro.* — La 3an ,parolata jurnalo; la 10an, S-ino Daems : « La malnova kaj la nova Hungarujo »; la 17an, S-ro Van der Stempel, perfektiga kurso; la 24an, filmvespero : D-ro Kempeneers prezentos filmojn pri esperantistaj kongresoj.

*Decembro.* — La 1an, parolata ĵurnalo; la 7an, Sankta Nikolaa-festo; la 8an, S-ro Ji-

# Zamenhofa Monumento

*WÖRGL SUB LA SIGNO DE LA ESPERANTO-STELO*

Dimanĉon la 27-an de julio 1952 okazis en Wörgl (Aŭstrujo-Tirol) la inaŭguro de la Zamenhofa monumento. Proksimume 200 esperantistoj el ok diversaj landoj partoprenis al tiu manifestacio. Sabaton la 26-an de julio la muzika societo Kundl donis belan koncerton sur la loka stacidomplaco. Abato Hieronymus Triendl celebris la pontifikan meson en la urba preĝejo. La Schubert-meso estis kantata en esperanto de la urba preĝejhoro kaj de la munkena operkantisto Kohler. Kapelano Thalmeier el Munkeno, gvidanto de la germana katolika esperantista movado legis la predikon en Esperanto kaj poste germanlingve.

Post la religia ceremonio la aŭtoritatuloj kaj la esperantistoj marŝis, akompanataj de la muziko, al la stacidomplaco, kie ili haltis antaŭ la kovrita monumento. Partoprenis i.a. kortega konsilanto Hugo Steiner, honora prezidanto de la monumenta komitato, S-ro Mayr, anstataŭanto de la landestro, D-ro Riccabona, regionestro, urbestro S-ro M. Pichler, reprezentantoj de la francaj aŭtoritatuloj, kaj multaj aliaj eminentuloj el la privata kaj publika medioj. Urbestro S-ro Pichler faris la bonvenparoladon, kortega konsilanto Steiner laŭtlegis parton de la telegramoj kaj leteroj de personoj, kiuj ne povis partopreni, i.a. de S-ro D-ro Figl, kanceliero de Aŭstrujo, de S-ro Miklas, iama prezidanto de Aŭstrujo kaj de D-ro Andreas Rohracher, episkopo de Salzburg. Ili transdonis siajn salutojn kaj bondezirojn.

S-ro Hans Steiner, unua prezidanto de la monumenta komitato aludis la malfacilaĵojn, kiuj devis esti forigataj. S-ro Mayr, anstataŭanto de la landestro, forprenis la tukon, kiu kovris la monumenton, grandan buston de D-ro Zamenhof, faritan el blanka marmoro de la juna skulptisto Theodor Ohnesorge, starantan sur granita soklo, al kiu kondukas du ŝtupoj. Marmortabulo memorigas pri D-ro Zamenhof. La piedo de la monumento estas kovrita per siliciaj ŝtonetoj kaj antaŭ la monumento troviĝas esperanta stelo el verda musko, ĉirkaŭita de betono. S-ro Mayr kaj S-ro Pichler subskribis dokumenton, kiu estis enmasonata en la monumenton. Poste S-ro Pichler prenis la monumenton sub la protektado de la urbo Wörgl. Kapela-

---

rousek : « Pri io ajn »; la 15an. Zamenhofa vespero: la 22an. Kursfina kaj kristnaska festoj; la 20an. Mitulvespero kaj vizito al la Pulĉinela Kelo de Toone.

*Januaro 1953.* — La 5an. parolata ĵurnalo; la 12an. S-ino Lefebvre : « Al la landoj de meznokta suno kaj de la Lapoj »; la 19an. S-ro Van der Stempel. perfektiga kurso; la 26an. Ĝenerala Kunsido : raportoj. elektoj.

## EL LA ESPERANTISTA FAMILIO

### Nekrologo.

Al S-ro René ROSSEEL, fidela membro de la Bruĝa Grupo, ni prezentas plej sincerajn kondolencojn. pro la morto de lia kara edzino : S-ino Diana DAENINCK (5-8-52).

### Gratuloj.

Al S-ro Karlo Poupeye (filo) membro de la Bruĝa Grupo, kiu post sukcesa defendo de tezo, akiris en la Nacia Instituto por Radio kaj Kinematografio en Bruselo. la diplomon kun distingo kiel teĥnikisto pri elektroniko.

### Esperantista geedziĝo.

La 28an de julio 1952 edziĝis, en Nantes, kun F-ino Annick OLLIVAUD, nia samideano Daniel LUEZ, profesoro en la liceo de Laon: li ĉeestis la belgan kongreson en Bruselo (1951) kaj lasis plej bonan memoron al la partoprenintoj.

Niajn bondezirojn de plena kaj longdaŭra feliĉo al tiu juna esperantista paro.

no Thalmaier faris la festparoladon, en kiu li ne nur honoris la memoron de D-ro Zamenhof, sed ankaŭ akcentis la grandan signifon de la helplingvo Esperanto.

Tradukita el « Tiroler Tageszeitung » de Elfriede ERNST

## BIBLIOGRAFIO

*PEER GYNT*, de Henrik Ibsen, tradukis E. A. Haŭgen. Eldonis « Eldona Rondo », Trondheim, Norvegujo. 258 paĝoj 19 x 13. Prezo bind. N.Kr. 13.00, broŝ. 10.50.

« Peer Gynt », diras la tradukinto, estas la plej norvega kreaĵo de Ibsen. Tial, mi volas kredi, ke li verkis ĝin en eksterlando, nome en Romo. Amo pli profunda klinas nin al la patrujo, kiam ni estas for de ĝi.

Pli ol drama poemo, « Peer Gynt » estas speco de mirrakonto veninta, laŭ rekta linio, el norvegaj legendoj. El ili, Ibsen transprenis plejparte la epizodojn de sia verko, kaj la personecon mem de sia heroo.

Tiu ĉi, nutrite jam de la lulilo, kiel multaj norvegaj infanoj, per fabeloj en kiuj svarmas supernaturaj estaĵoj : gnomoj, koboldoj k.s., ne plu sukcesas, nek deziras, liberigi sin de sia fabelmondo. En ĝi li sin sentas Cezaro, dum surtere, metate antaŭ la kruda realeco, li refariĝas la hezitema frato de Hamlet :

« Jes, pensi, deziri, eĉ voli, cetere, —
» sed fari ! Ne, tion mi ne komprenas ! »

(Akto III. - Sceno I.)

Taŭga nek por bono, nek por peko, fuŝinte sian destinon, ne kapablinte esti « si mem » sur la tero, Peer Gynt estus, laŭ decido de la superhomaj instancoj, nepre dediĉota al « refando », se ne malfermiĝus por li la brakoj de Solvejg la fidela. Ĉar, por ŝi, li estis « si mem » : « en ŝiaj fido, espero kaj amo. »

* * *

Tri ĉefroluloj elstaras en la verko de Ibsen : Peer Gynt : Ase, lia patrino kaj Solvejg.

« Peer Gynt », malgraŭ konduto verdire ne tre kaj ofte eĉ tute ne edifa, restas al ni simpatia, pro sia gaja fanfaronemo kaj verŝajne ĉar ni retrovas en li nian propran ŝanceliĝemon, niajn proprajn fontojn de egoismo, de memsufiĉeco kaj de... amemo.

Kortuŝa estas la maljuna Ase, alterne plena de kolero kaj de admiro kontraŭ sia amata « malbona knabo ». Kiu povus sen emocio legi aŭ vidi la scenon de la morto de Ase, en iluzikaleŝo kiun Peer kondukas al paradizo !

La mildan Solvejg oni ne multe vidas, nek aŭdas, sed ŝi nevideble ĉeestas tra la tuta dramo kaj personigas la elementon idealan, la AMON kiu savas la animojn erarintajn.

* * *

Se la originala verko estas majstraĵo — konata cetere en la tuta mondo, kune kun la muziko de Grieg — la traduko de ĝiaj kvin aktoj en esperantajn versojn rimajn, ritmajn kaj... kompreneblajn estas inda je tiu majstraĵo kaj je nia plej sincera admiro.

Mi aldonu ke la komentario kaj notoj de la tradukinto, same kiel la tri akompanantaj popolfabeloj, multe helpas al la kompreno de por eksterlandanoj enigmaj scenoj kaj aludoj, kiuj abundas en la verko de Ibsen.

H. CASTEL.

*Kongresa Universitato de 38a Japana Kongreso (1951).* — 44 + 10 paĝoj, 18 x 12.5 cm. Eldonis Esperanto-Societo. Prezo Dol. 0.25. Havebla de Belga Esperanto Instituto.

Kun ĝojo mi ricevis tiun belan broŝuron, kiu enhavas kvar prelegojn de la Kongresa Universitato. La unua estas « Esperanto kaj la Internaciismo » de S-ro TAKASUGI-Iĉiro, kiu estas profesoro de angla lingvo de *Sizuoka* Universitato kaj estas ankaŭ konata kiel verkisto.

La dua estas « Semo semita » de S-ro Yukito OOTA, profesoro de plant-fiziologio de *Nagoja* Universitato.

La tria estas « Nova ordo en Homa mondo » de S-ro HASEGAWA-Riej profesoro de juro de *Kanazawa* Universitato. Li estas delonge konata samideano. Estas notinde ke

## RECEPTO DE FELIĈO

Komencce vi metu en botelegon 4 aŭ 5 funtojn da espero. Aldonu centfunton da delikataj prizorgoj kaj da konscienco, mezuron da boneco, kvaroncenton da komplezemo, gajecon laŭvole, 4 aŭ 5 potojn da obcemo, 5 aŭ 6 funtojn da mildeco. Por eviti la unutonecon, aldonu al la gajhumoro miligramon da malsaĝeco (petolemo). Metu nur eron da salo, ĉar, se vi superas la ordonon, vi devus meti dek uncojn anstataŭ unu da pacienco !

Lasu kuiri per malgranda fajro, kun daŭra varmo. Amo kaj amikeco nenian ĝin perdu el vido !

Tiamaniere vi akiros bone kneditan kukon. Unu buŝpreno ĉiumatene sufiĉos por plibeligi la vivon.

Trad. S-ino Richard (Bruselo)..

---

li lastatempe tradukis en Esperanton japanan novan Konstitucion, kiu komplete forĵetis la armeon por ĉiam. La japanaj esperantistoj kaj la plejparto de la japana popolo pacamema deziras konservi tiun konstitucion kontraŭ ĉiuj malfacilaĵoj.

La kvara estas « Ĉu ekzistas edukado al la feto . » de D-ro Hideo YAGI, profesoro de Akuŝginekologio de *Okayama* Universitato. Li ankaŭ estas delonge konata samideano kaj oni ne povas eĉ supervalori lian klopodon por la enkonduko de Esperanto en medicina mondo.

Niaj japanaj samideanoj sukcesis publikigi tiujn verkaĵojn: espereble U.E.A. baldaŭ sukcesos presegi — kaj disvendi — la tre interesajn prelegojn de la Someraj Universitatoj. Tiel estos alportataj novaj ŝtonoj al la jam impresiga bibliografio de sciencaj verkoj en Esperanto.

K.

30a *Internacia Foiro*, 7/22 *Junio* 1952. *Padova (Italujo)*. — Trikolora afiŝo 70 x 100 cm kun esperanto teksto.

*HAMBURG*. Germanujo - Bele ilustrita prospekto, 16paĝa. Havebla de Hapag-Lloyd Reisebüro Safari, Verkehrspavillon, Jungfernstieg, Hamburg 36, kie deĵoras esperantistoj.

*MALGRANDA REVUO* - N° 2 - 1952 - 10a Jaro. Enhavo : E. Kuder-Mateffy - Esperanto en la ĉiutaga vivo ; Hans Ruin - Gajno de kartludo ; Wrthanes Papasian - La malaperinta Justeco ; Marjorie Boulton kaj L. C. Deij - Poemoj ; William Auld -

## PAGATAJ KONSILOJ

Kuracisto renkontas en sia klubo advokaton al kiu li konfidis siajn malagrablaĵojn :

Ĉie, kien mi iras, ĉu en societo, ĉu en kafejo, ĉie la homoj demandas al mi kuracistajn konsilojn. Lastfoje, mi estis ĉe amiko, unu el la gastoj priskribis al mi ĉiujn siajn dolorojn kaj devigis min tiel fari kompletan diagnozon kaj konsili kuracadon.

La venontan tagon mi sendis al li mian honorarian noton.

Kion vi pensas pri tio, S-ro advokato ? Jure, ĉu mi pravas ?

Sendube respondis la advokato, kaj la venontan tagon li sendis al la kuracisto sian honorarian noton por jura konsilo.

## ORDONRAJTO.

Gedeono kaj lia edzino kunvivas en paco tre relativa. Iun tagon tiu ĉi postkuras lin kun balailo en la mano. Senesperigite kaj tremante, la kompatinda edzo ŝovas sin sub la liton.

— Eliru de tie, sentaŭgulo, kriegas la edzino.

— Ne, milfoje ne ! respondas Gedeono energie. Tiel vi komprenos, ke tiu kiu ordonas hejme, estas mi.

---

Pri la arto parodia : Debato ; Literaturo (Recenzoj).

Jarabono : Fr. 60.— ; Aparta numero : Fr. 15.— ; Specimeno : Fr. 5.—. Belga Esperanto-Instituto K.S., Oostenstr. 26, Antwerpen. Pĉk 1680.58. Malnovaj jarkolektoj mendeblaj.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 106, rue General Lotz, Uccle-Bruselo.
*Vic-Prezidanto* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario* : S-ro H. SIELENS, Houwerstraat, 12, Antverpeno.
*Sekretario* : S-ro Joseph SOYEUR, 91, rue du Chêne, Seraing.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto-Asocio

| | A. | B. | C. |
|---|---|---|---|
| I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... . | 25,— | 50,— | 100,— |
| *Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... ... ... . | | | 50,— |
| II. *Membreco kun individua* aliĝo al la internacia organizaĵo : | | | |
| a) *Membro kun Jarlibro* : kiel simpla membro; ricevos krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... ... ... ... | 75,— | 100,— | 150,— |
| b) *Membro Abonanto* : kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto » ... | 165,— | 190,— | 240,— |
| c) *Membro Subtenanto* : kiel membro abonanto; pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... ... ... ... | 250,— | 275,— | 350,— |

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

A. Kadetoj (ĝis 18 j.); B. Junuloj (ĝis 21 j.); C. (21 j. kaj pli).

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO Koopera Societo

*D-ro L. L. Zamenhof, 1859-1917. Aŭtoro de Esperanto.* — Reproduktaĵo sur poŝtkarto, de la bildo de nia Majstro pentrita kaj donacita al Internacia Esperanto-Muzeo, Wien, de artpentristo Ach. Bentos. Eldono « Esperanto », Oostenstr. 26, Antwerpen. Prezo : Fr. 2,—. La sama bildo estas havebla kiel vera fotografaĵo. Prezo : poŝtkartformato : Fr. 10,—; 24 x 30 cm., Fr. 65,—; 30 x 40 cm., Fr. 100.

Imp. Lielens, s. p. r. l., 18, rue de la Princesse, Bruxelles — Tél. : 21.10.98 — 21.87.90